# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Novembro n-ro 11/2008

## ESTAS TEMPO REALIĜI !

Novembro rapide forflugas jam. Nia jaro 2008, riĉa je spertoj, fulme direktiĝas al pasinteco. Mi esperas, ke la spertoj estis pozitivaj. Rilate al nia Esperantomovado kaj al nia Brazila Esperanto-Ligo, ni povas listigi sukcesojn kaj malsukcesojn. Nia tradicia, ŝatata revuo "Brazila Esperantisto" reaperas, kvankam ankoraŭ ne kun la dezirata akurateco; "BEL informas" pli regule plenumis sian (pli modestan) taskon; nia kongreso en Fortaleza bone sukcesis; "BEL-konferencoj" en Lorena / SP montriĝis daŭriginda iniciato; nia retejo bone funkciis, sub la kompetenta zorgado de Adonis Saliba (dankon!); nia biblioteko en Brasília organiziĝas kaj baldaŭ ekfunkcios en tute nova sistemo, danke al la serioza laboro de Néia Lúcia (ni nur esperu, ke ĝi estos uzebla al kiel eble plej multaj samideanoj, en la tuta lando); nia Sekretariejo diligente laboras, kaj interalie preparis novan, pli facilan aliĝilon, kun ebleco partopagi; nia grava juna kunlaboranto Fabiano Henrique (Niterói /RJ) per sia "Noticiário Esperantista", parte ŝtopas gravan mankon en nia agado; aperis nova eldono de la lernolibro "Esperanto para Principiantes", de Aloísio Sartorato; nia libroservo plu funkcias kaj interalie pretas disvendi la gravan novan vortaron de Sylla Chaves; BEJO kongresis en Fortaleza kaj plustarigis la konkurson "BEJO-ataŝeo" – bonega iniciato de la antaŭa Estraro.

Kio tamen mankas? Simple: pli da informado al la ekstera mondo, pli da instruado, kaj ĉefe pli da uzado de nia lingvo kaj de nia riĉa kulturo, flanke de nia Esperanta popoleto. BEL povus multobligi sian agadon sur tiuj tri kampoj, se oni multobligus la monajn kaj homajn rimedojn. Ĉefe la homajn! Tial ni kore invitas vin: aliĝu al BEL, ne nur kiel formala membro, sed kiel kunlaboranto. Certe ĉiu brazila samideano povas helpi la movadon. Ni ne estu nur "virtualaj", interretaj Esperantistoj! Ni estu solidaraj kaj aktivaj! Plenigu jam hodiaŭ vian aliĝilon: sufiĉas aliri la paĝaron de BEL aŭ rekte peti ĝin de nia Sekretariejo. Vi estas tre grava por ni!

Koran dankon!

La Redaktoro

## É TEMPO DE ADESÃO !

Novembro já se vai. 2008 corre para o passado. Espera-se que o tenhamos vivido bem. Em nosso movimento, houve sucessos e falhas. A revista "Brazila Esperantisto" voltou a circular, o "BEL informas" tem cumprido sua função, Fortaleza nos brindou com um belo congresso, a "BEL-conferências" em Lorena teve boa receptividade, nossa página na Internet funciona muito bem (obrigado, Saliba!), a biblioteca em Brasília está sendo reinaugurada (parabéns, Néia Lúcia!), nossa Secretaria trabalha muito e elaborou novo esquema de adesão com pagamento facilitado, a venda de livros continua, o "Noticiário Esperantista" de Fabiano Henrique foi incorporado à Liga, preparou-se nova edição do "Esperanto para Principiantes", de Aloísio Sartorato, e o programa "Adido Cultural da BEJO" (ótima iniciativa da diretoria anterior) prossegue.

O quê falta? Falta mais informação ao mundo lá fora, falta mais ensino de Esperanto no país, falta prática mais efetiva do nosso idioma, por parte da comunidade Esperantista. A Liga deveria fazer muito mais, mas carece de recursos – materiais e humanos. Ela precisa da sua adesão! Todos podem contribuir. Não sejamos apenas Esperantistas "virtuais". Sejamos solidários e ativos! Peça hoje o seu boletim de adesão para 2009. Você é importante para nós!

O Redator

## CAMPINAS HAVAS NOVAN ESPERANTEJON

Kurioza detalo de la historio de Esperanto en Brazilo estas, ke en la urbo Campinas fondiĝis la unua E-klubo en nia lando. Laŭ informo de Isis O. Pitton, Kultura Esperanto-Centro en Campinas inaŭguris novan sidejon, je la 9-a de novembro 2008. La loka grupo kunvenis por plani agadon por 2009, interŝanĝi ideojn ĉefe pri instruado, kaj aŭskulti prelegon de D-ro David Bianchini, profesoro (inkluzive de Esperanto, oficiale), en Pontifika Katolika Universitato. Salutu kaj vizitu: KCE: R: Edward Vita de Godoy,828. Tel:(19) 3307-0396 <campinas@esperanto.cc>.

## NOVA SEDE EM CAMPINAS

Em 09/11/2008, o Centro Cultural Esperanto, em Campinas / SP inaugurou nova sede com reunião de planejamento de atividades para 2009 e palestra do Prof. David Bianchini (professor de Esperanto na PUC, em caráter oficial). Visite:

R: Edward Vita de Godoy, 828.
Tel: (19)3307-0396
campinas@esperanto.cc

(Informou Isis O. Pitton)

**"LA VERDA FORMIKETO "**
Esperanto-klubo "JOÃO ERNESTO"- Ubá / MG

Redaktas Waner M Arruda. wanerma@yahoo.com.br.

**74-a RENKONTO DE ESPERANTO EN PARAIBA VALO / SP**
RESENDE / RJ - 30-A NOVEMBRO 2009
BONAJ PRELEGOJ, AMIKA ETOSO ! PARTOPRENU !

**74º ENCONTRO DE ESPERANTO DO VALE DO PARAÍBA**
**RESENDE - 30/11/2008**

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Novembro n-ro 11/2008

## FILATELA EKSPOZICIO EN CAMPINAS / SP

En ĉi tiu monato okazis en la urbo grava filatela ekspozicio, pri kiu informis al ni nia Ĉefdelegito James Pitton: *"Karaj, Miaj filatelistaj kolegoj petis, ke mi diskonigu ĉefe inter esperantistoj de la regiono de Campinas (aŭ ĝin preterpasontaj) la suban ekspozicion. En ĝi partoprenos mia filatela kolekto "Babelo estu detruita!", kiu pritraktas la internacian lingvan problemon kaj, kompreneble, defendas la uzon de Esperanto. Ĉar ĝi jam partoprenis en mondaj filatelaj ekspozicioj, mi devis traduki ĝin al unu el la oficialaj FIP-lingvoj (la portugala ne estas inter ili) kaj tial vi trovos ĝin sub la titolo "Que Babel soit détruite!", kaj ĝiaj 80 folioj jam de kelkaj jaroj tute reverkitaj en la franca. Ĝi mem tiel fariĝis viktimo de la maljusta sistemo, kiun ĝi pritraktas... Pritema filatela kolekto (coleção "temática") konsistas el poŝtmarkoj, poŝtaj stampoj, oficialaj poŝtaj kartoj kaj ceteraj poŝtaj dokumentoj, kiuj povas kohere ilustri aspektojn de iu temo kaj ties eblaj ĉapitroj".*

Pli detalajn informojn pri tia grava inciato, petu de James Pitton <sudastelaro@gmail.com>.

## GRUPO EN ALFENAS / MG VIGLE AGAS UNIVERSITATE

De la samideano Anderson F. Silva ni ricevis belajn informojn pri la "Ligustra Grupo - Studo kaj Disvastigo de la Lingvo Esperanto en Alfenas". En la kadro de la loka universitato UNIFAL-MG, kun apogo de la Rektorejo, oni okazigas kurson, informas pri Esperanto, disponigas la verkon "Espernato – o novo Latim da Igreja e do Ecumenismo" ("Ligustra Grupo - Studo kaj Disvastigo de la Lingvo Esperanto en Alfenas". (www.unifal-mg.edu.br/esperanto) Ĉe la municipaj instancoj oni aktivas per stimulado al kantado kaj en ekspozicio pri scienco kaj teknologio. Grava atingo: en Alfenas, diplomito en Esperantokurso akiras kromajn poentojn en municipaj oficialaj konkursoj. La loka E-grupo partoprenas en regionaj renkontoj (SUMIRE) kaj planas ĉeesti la "BEL-konferencojn" en Poços de Caldas / MG, en februaro 2009.
Gratulon!

## EKSPREZIDANTO DE BEL DISVASTIGAS ESPERANTON

Fernando Marinho, ekspezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, proponas sian retejon www.esperantoforadatoca.blogspot.com. Aliru ĝin kaj vi atingos aktualajn informojn en la portugala lingvo.

## GRUPO EN BARRA MANSA PLU MODELE AKTIVAS

Nia samideano Sílvio Márcio, el Barra Mansa / RJ informas, ke Nia Espero Esperanto-Grupo plu intense kaj trafe agadas en la urboj per informado, novaj kursoj (bazaj kaj konversaciaj), Kulturkafejo, spektado de filmoj, kaj simpla amika kunvivado. La kunordigantoj petas, ke oni vizitu kaj proponu temojn por novaj programeroj: tel. 2488268555. Rua São Sebastião, 105, sala 1153 (Ed. Garagem), Barra Mansa/RJ. marcio140471@oi.com.br.

### EXPOSIÇÃO FILATÉLICA EM CAMPINAS/SP

James Pitton (sudastelaro@gmail.com). Delegado Geral no Brasil da Associação Universal de Esperanto informa exposição filatélica na cidade, tendo como tema o problema lingüístico e o Esperanto como solução. O título "Abaixo a Babel!" e todo o material de 80 folhas teve que ser traduzido para o Francês, idioma oficial da Federação Internacional de Filatelia. A exposição já participou de mostras internacionais.

### GRUPO EM ALFENAS/MG ATUA NA UNIVERSIDADE

Anderson F. Silva informa as atividades do "Grupo de Alfenas" na UNIFAL –MG, com cursos e informação

(www.unifal-mg.edu.br/esperanto).

Junto à Prefeitura local, o grupo conseguiu que o certificado de curso de Esperanto conte pontos para concursos municipais.

O grupo participa dos encontros regionais (SUMIRE) e planeja estar em Poços de Caldas / MG, em 2009, para as "BEL conferências". Parabéns!

### EXPRESIDENTE DA LIGA DIVULGA NA INTERNET

Fernando Marinho administra rico sítio com informações em Português. Acesse:

www.esperantoforadatoca.blogspot.com.

### BARRA MANSA TRABALHA!

Sílvio Márcio informa que o clube local mantém suas atividades: divulgação, cursos, Café Cultural, mostra de filmes, etc. Visite: tel. 2488268555. Rua São Sebastião, 105, sala 1153 (Ed.Garagem), B.Mansa.marcio140471@oi.com.br.